# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**PLENUMITA 29/11/2018 Kvarcentdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro * *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * *duolingo all courses * * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au



## Entute 759,000 lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **369,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Nun studas **309,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Nun studas **81,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)



# Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".

## N.ro 44 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)







En $ 150 PAG donas la kazojn kiam verbo povas esti la kernvorto de frazparto en la kvar kazoj: le. kaj **2e.** En la SUBJEKTO kaj en la OBJEKTO nur la (ja neŭtrala) Infinitivo povas esti la kernvorto: " LERNI Esperanton plilongigas vian mensan sanon", kaj "Mi jam juna deziris LERNI Esperanton". La Subjekto kaj la Objekto havas substantivan funkcion, kaj ankaŭ la Infinitivo en tiaj pozicioj havas substantivan valoron, kaj preskaŭ samas al la substantivo "la lernado".

**3e**. En la ADJEKTO nur la Infinitivo povas okazi, kaj nur en Prepozitivo: "Ili iras al la Klubo POR LERNI Esperanton". Ankaŭ ĉi tie la Infinitivo havas la funkcion de Substantivo: "por la lernado".

**4e**. En la PREDIKATO la kernvorto povas esti nur Verbo kun unu el la finaĵoj —as, -is, -os, -u, aŭ —us: "Ambaŭ gefratoj VENIS lerni Esperanton". Notu ke ĉi tie "lerni" ne estas kernvorto. Suplementoj



de kernvorto povas esti Infinitivo kaj, en Suborda Propozicio, ankaŭ alia verbo: "La infano, kiu VOLAS lerni E., estas mia najbaro". Sed ili tiam ne estas kernvortoj mem de la frazparto.

La (ja adjektivaj) participoj, en Esperanto ne estante verboj, neniam povas esti kernvorto, escepte se ili Sangiĝas al Substantivo ("la PERDINTO ploris") aŭ al Infinitivo ("PUNATI ne helpos"). *Marcel Leereveld*



# Woollaraware Bennelong



(1764?-1813) estis grava aborigena viro en la historio de Aŭstralio. Lian tombon trovis en la antaŭurbo de Ryde, en 2011, D-ro Peter Mitchell, edzo de Esperantistino. Pasintsemajne la Nova Sudkimria Registaro aĉetis la bienon apud la tombo por AU$2.9 milionoj kaj proponas kulturan centron proksime al la Parramatta rivero.



*Bennelong* estis Eora viro de la Sidneja regiono en la tempo de Brita kolonio. La britoj kaptis lin, por lerni pli pri la indiĝenaj homoj. Li eskapis kaj poste li amikiĝis kun la guberniestro *Arthur Phillip*. Li vojaĝis al Londono kun *Phillip* en 1792 kaj en 1795 revenis al Sidnejo. Liaj spertadoj rezultis en vivo inter du mondoj. Li mortis en malĝojaj cirkonstancoj.

https://www.abc.net.au/news/2018-11-18/bennelong-burial-site-to-be-preserved/10508726

*Dianne Mitchell*



# Bob terure hontas!



Kara Roger,

Ĵus finleginte la 401-an numeron de "Aŭstraliaj Esperantistoj, mi terure hontas! Mi legis ke tiom da aktivaj kaj entuziasmaj geesperantistoj gratulis vin pro via entuziasmo rilate Esperanton kaj ĉion atingeblan per ĝi, ke mi, kiel jam dirite, hontas.



Mi hontas ĉar mi tute forgesis ke dankema kaj bona amiko de vi, Roger, devus ja esti unu el la plej unuaj, kiu gratulas vin pro via malfacila laborego eldoni 400 numerojn de unu el la plej ŝatataj novaĵgazetoj en la tuta mondo.

Permesu do al mi, elkore gratuli, eĉ gratulegi, vin pro via aperigo de 401 eldonoj de la trezoraĵo! Plej amike, *Bob Felby*







Mi gratulas Katja-n pro ŝia nova respondeco kaj esperas ke ŝi kaj la konsilantaro agos tiel ke Adelajdo estos preta akcepti nin kadre de la kongreso/somerkursaro en januaro 2019 *Franciska Toubale*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Jes, mia ĝardeno bezonas nomtabuletojn, ĉar mi estas forgesemiĝanta.



## MI FORGESEMIĜAS .

Fakte mi ne forgesas vortojn, ĉar ili plu estas en mia menso, sed kiam mi bezonas uzi certan vorton, mia menso rifuzas, aŭ ne kapablas, meti ĝin en mian memoron. Konsekvence mi en mia menso (kaj poste parole) havas frazon al kiu mankas la vorto kiun mi speciale volis memori kaj uzi. Evidente tio okazas nur, kiam mi forte pensas pri tiu vorto. Mi tamen ne forgesis scii la signifon de tia vorto, nur la formon. La aliaj vortoj nepripense venas aŭtomate. Ĉu maljuneco? Eble iu leganto povas klarigi al mi la fenomenon. Cetere mi neniam forgesas muzikon, nek mian konon pri la gramatiko de lingvoj. Kvankam la medicinaj sciencistoj baldaŭ kapablos ŝanĝi mian fizikan korpon tiel ke mi povos vivi kroman jarcenton, ĉu ili kapablos fari tion pri mia spirita korpo? Eble iu leganto jam scias tion.

*Marcel*

## OPEROJ, OPEROJ .

Ĵusan Lundon mi “vidis”, kun Heather, La Boh’eme. Samvespere ĝin vidis nepino mia, kun sia neplua edzo kaj iliaj du filinoj, ja miaj pranepinoj. Hodiaŭvespere ĝin vidos mia kvardekjaraĝa nepo kun sia fratino (ja nepino mia) (iliaj edzino/edzo ne povos iri), kaj baldaŭan semajnfinon ĝin vidos mia filo kun sia (neregistrita) edzino (t.n. “partnero”; pli bona estus “sekspartnero). Baldaŭan Lundon mi “vidos”, inkluzive “aŭdos”, operon de Rikardo Wagner, “La Majstrokantistoj de Nurnbergo”. Ĝi komenciĝos je la kvara horo kaj finiĝos je la deka horo, kun unuhora paŭzo por manĝi. En Melburno ni ne povas plendi. En Nederlando antaŭ la Hitlera/Kruppa milito mi detempaltempe povis aŭdi (nur aŭdi!), operojn kantatajn en Esperanto kaj elsendatajn de la radiostacio en la ĉeĥa ĉefurbo Prago (Praha). Post la milito tio ne plu okazis, ĉar okazigi ilin estis tre kosta. Cetere operoj sonas plej bone se kantataj en la origina lingvo. Tio okazas plej ofte en Aŭstralio.

*Marcel.*

## NATURAJ ESCEPTOJ PRO LA NATURO DE ZAMENHOF.

Antaŭ kelkaj semajnoj mi publikigis artikoleton titolitan “La bela kaj perfekta Esperanto”, en kiu mi menciis tri specojn de neaglutina vortkunmetado kiuj estas nepre evitendaj. Mi substrekis per la vortoj “NENIAM faru tiajn vortkunmetojn!”. Mi intence ne menciis, ke ekzistas dekoj da tiaj “nepre ne kreindaj” kunmetoj, ĉar mi deziris ke vi hele lernu tiujn malpermesojn. Mi esperas ke vi faris.

Do kial ekzistas dekoj da tiaj “nepermesataj” vortkunmetoj? Simple ĉar kiam li kreis Esperanton Zamenhof, anstataŭ krei simplajn radikojn por kelkaj dekoj da signifoj, li imitis la

germanan lingvon kaj faris neregulajn kunmetojn por pluraj aferoj. Ekzemple por la polekso, la fingro je la flanko de la mano, li kreis kunmeton "dikfingro", anstataŭ "flankfingro". "Flankfingro" estas normala aglutina kunmeto (el "fingro de (je) la flanko"), sed "dikfingro" ne estas, ĉar iu ajn alia fingro povas, pro vundo aŭ komparo, esti "dika fingro", do dikfingro. En ĉi tiu kunmetomaniero la flankelemento estas adjektivo, dum en la aglutina kunmetado la flankelemento estas prepozitivo. La sama diferenco okazas ĉe verbo kun sia adverbo kaj ĉe verbo kun sia gramatika objekto. Uzante tiajn neaglutinajn kunmetojn, kvankam nur por relative malmultaj, Zamenhof reduktis iomete la vortaron de Esperanto. Li kreis ilin, ĉar la germana havas similan kvanton da tiaj neregulaj kunmetoj, kiel esceptoj.

Se ni alkutimiĝus krei tiajn neaglutinajn kunmetojn, ne ekzistus fino kaj la kvanto tre pligrandiĝus. Tiukaze ni ne plu scius ĉu dikfingro estas dika (ajna) fingro aŭ polekso, kaj ĉu "larĝvojo" estas larĝa vojo aŭ speciala vojo hazarde larĝa, ekz. ĉefvojo. Se ni kreus tiajn kunmetojn, neniu plu scius la ekzaktan signifon de tia kunmeto, ĉu litera ĉu figura, ĉu komuna ĉu speciala. "Plena Analiza Gramatiko" de Waringhien-Kalocsay avertas nin jene:

"Tiaj kelkaj neregulaĵoj en si mem, kiel esceptoj, signifus nenion malbonan, sed ili tamen enhavas danĝeron: oni ne konscias pri ilia escepteco kaj delogiĝas por ilia imitado. Ni do speciale kaj ree emfazas, ke tiuj formoj ĝenerale estas esceptoj kaj el ilia escepteco sekvas, ke ili ne pravigas analogajn formojn. Ekz-e "plenmano" ne pravigas la vorton "malplenmano" aŭ "plenĉambrego", nek "dikfingro, rapidvagonaro, sekvinbero, novluno" pravigas la vortojn "diksinjorino, rapidĉevalo, sekvesto, novgasto" ktp. Kaj kompreneble, ili tute ne pravigas la principon, ke substantiva ĉefelemento povas postuli antaŭ si adjektivan flankelementon; la vortoj faritaj laŭ ĉi tiu principo do estas nelegitimaj, per ili oni propre kulpas maskitan elizion de la a-finaĵo. Tiaj eraraj kunmetoj estas ekz-e: "belknabino, bluokulo, diligentknabo, novnajbarino, fermitokuloj, ĝentilfraŭlino". Ni devas insiste averti kontraŭ ili, ĉar ili en Esperanton kontrabandas fremdan principon, kiu povas submini la bazon de la vortsistemo. Abunde ni vidis ĝis nun, kiel la vortefikoj (precipe la substantiviga) regas en la vortfarado kaj dotas ĝin per firma spino kaj ekstrema elasteco. Se oni allasus ankaŭ alian vortefikon (adjektivigan), ĉio ĉi estus en danĝero, la tuta konstruaĵo ekŝanceliĝus, ĉio fariĝus malcerta kaj malfirma. Tiom certe ne valoras la ŝparo de kelkaj a-finaĵoj. Ni ne deziras, tamen, ekstermi el la lingvo la pli-malpli familiariĝintajn kunmetojn de tia speco, nur teni ilin inter la kadroj de ilia escepteco. " (el paragrafo 423 de P.A.G.).

Se ni rajtus, sed ni ne rajtas, la solvo estus konsideri tiujn neaglutinajn kunmetojn kiel simplajn radikojn, unu kunmeto estante unu radiko. Sed la zamenhofaj jam estas oficialaj kunmetoj, Fundament'ecaj, ne ŝanĝeblaj. Al malamikoj de nia lingvo ni povas klarigi, ke ili estis antaŭ la publikigo de Esperanto kreitaj kiel speciala grupo, kaj ke post la publikigo de Esperanto ni ne plu kreas ilin. Ĉu ili akceptus? Se ne, ni ne bezonas uzi ilin kaj kreu neologismojn aŭ novajn, aglutinajn, kunmetaĵojn por ili, kiel oni jam komencis fari (kiel "polekso" kaj "koramikino").

*Marcel Leereveld*.

## MI NE ELILUZIIĜU !

Oni jam scias, ke kelkaj tre konataj Esperantistoj internaciaj estas pri Esperanto ege kompetentaj sed ne sufiĉe kompetentaj por kompreni miajn tezojn pri la gramatiko de Esperanto. Pro tio ili konsilas al siaj lernantoj ne apliki miajn klarigojn ĉar ili "estas nur ideosinkraziaĵoj" miaj. La ĉi supra elĉerpo el P.A.G. pruvas ke ili malpravas, ĉar P.A.G. diras la samon kiel mi. *Marcel.*

## ĈU NI SUBTENU POLITIKAJN PARTIOJN ?

Antaŭ multaj jaroj ni havis en A.E.A. kiel prezidanton S.ron Maddern, el Morwell, Viktorio. Dum lia prezidanteco li starigis malgrandan, neŭtralan, politikan partion kies unu el la celoj estis devige enkonduki Esperanton en ĉiujn registarajn lernejojn. Tuj post tio alia AEA-estrarano, S.ro Linton, proponis al la Estraro elestrarigi S.ron Madden, kaj la propono akceptatis, kaj S.ro Maddern ne plu estis prezidanto. La tialo estis klaŭzo, ke A.E.A. estu nepolitika.

Kio okazos, se nuntempe iu politika partio publike estas por enkonduko de Esperanto? Ĉu ni ne rajtas favori ĝin kaj helpi ĝin? Kaj en Saŭstralio oni konvinkis unu registaranon defendi la enkondukon de Esperanto. Ĉu en tia kazo A.E.A. ne rajtas helpi ŝin?

Pro la eksigo ante S.ron Maddern mi publike eksiĝis el A.E.A., en la sekvanta kongreso. Post kelkaj jaroj la melburnaj Esperantistoj konvinkis min reaniĝi al la klubo, kaj tiel ankaŭ al A.E.A. , kion mi faris. Post tio mi fariĝis vicprezidanto de A.E.A., kaj poste prezidanto (por la dua fojo).

En Eŭropo la Esperanto-organizoj forte subtenas la politikistojn kiuj favoras Esperanton. Kion faros ni? *Marcel Leereveld.*

## AŬSTRALIO FARAS MILITON .

Antaŭ kelkaj jaroj la tiama registarestro decidis ke Aŭstralio faru militon kontraŭ la tiama registaro de Irako, kiu registaro batalis sukcesplene kontraŭ la t.n. Islama Ŝtato. Islama Ŝtato ne sukcesis eniri en Irakon pro tio. Post kiam la tiama registarestro de Aŭstralio sukcesis renversi la tiaman registaron de Irako, la Islama Ŝtato sukcesis okupi partojn de Irako. Tio kaj la aŭstralia milito kaŭzis milojn da nemilitaj vivoj en Irako. Ĉu nia tiama registarestro estas parte kulpa pro la mortoj? Se jes, ĉu li devas punati pro tiuj multaj murdoj, parte kaŭzitaj de la militdecido de Aŭstralio? Nur demandoj. Cetere ĉi tiu parte aŭstralia milito estas, post la vjetnama, la dua milito en kiu Aŭstralio praktike malvenkis.

*Marcel Leereveld* .

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Sen konsulto, <u>La Ĉefministro de Aŭstralio</u> mem rajtas fari militon.** 

Hontinda afero. http://www.warpowersreform.org.au/ *Roger Springer*

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da



klubpagota kafo atendos vin. La 1a de decembro estos la unua sabato. Venu al la Manlia grupo, Bonaj amikoj, apliko, instruo kaj senpaga kafo.

Vizitantoj bonvenotaj Roger Springer

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook estas PROPAGANDILO

Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. Ne lasu kopiojn sur bretoj.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Esperanto Por UN



http://en.esperantoporun.org/documents/newsletters-eo/

http://www.esperantoporun.org/dokumentoj/informiloj/informilo-de-novembro-2018/?hlang=en

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★



## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ-5-minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

La tialo pro kiu mankas informo pri via klubo estas ke via klubo ne sendis ĝin al AE

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## *Dissemu semojn de Esperanto.*

*Homoj ne subtenas Esperanton se ili ne konas la vorton Esperanto.*

Roger Springer





# Aventuro en Umuwa kun Helen kaj Sandor:



Dank 'al permisilo kiun Helen akiris por mi, mi rajtis viziti la APY-indiĝenan teritorion, 8 horojn buse sudokcidente de Alice Springs. Mi multe lernis pri la aborigena kulturo dum vizito al la lernejo en Ernabella kaj la artan centron tie.

Pro la laboro de Helen Palmer ni eĉ tendumis du tagojn ekstere de la urbeto kune kun tre saĝaj virinoj, posedantoj de la regiono. Ili instruis al ni kiel trovi manĝaĵojn, herbojn sanigajn, en la regiono, parolis pri rakontoj iamaj, eĉ kantis ilin, tiel nomataj sonĝoj, tra kiuj oni konatiĝas kun la medio kaj ili instruas pri sia tero, lokoj kaj viveblecoj.



Ankaŭ mi spertis la gravan laboron de Helen kaj Sandor en la projekto "Landmanagment"

Mi deziras sukceson en ilia studado kaj protektado kun la Wallaby - kangaruoj.

Dankon pro la afabla gastemo kaj la aventureblecoj.



Kore, *Martina Sachs-Bockelmann*





# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 20 La lastan fojon en Skandinavio Tria ero



Alveninte al Skovlunde la vagonaro nur daŭrigis sian veturadon. Kiel mi povas eliri, se ĝi ne haltas. Mi decidis eliri ĉe la sekva stacio, sed ankaŭ ĝin ignoris la vagonaro. Du staciojn post Skovlunde ĝi fine haltis, kaj mi kiom eble plej rapide elkuris sur la peronon. Nun mi estis en Ballerup, urbo kaj stacidomo, kiujn mi bone konis, ĉar iam mi loĝis tie. Sed ĉu vi kredas, ke mi povis eliri el la stacidomo? Tio tute ne eblis. En kiu ajn direkto mi iris, mi estis en butikumejo. Ne granda butikumejo, sed tamen mi ne povis trovi elirejon. Finfine mi tamen sukcesis trovi pordon, kiu kondukas eksteren. Tie ekster la stacidomo, sur la placo, kie iam estis nur du busoj, staris nun kvindek busoj. El tiom multaj mi ne povis elekti. Mi do decidis promeni reen al Skovlunde. Estas ja nur du stacidomoj, ĉu ne ? Mi do laŭiris la fervojan linion, kaj iris kaj iris. Tiam mi vidis junulinon, kiu iris direkte al la stacidomo. Demandis mi ŝin, "ĉu la vojo al Skovlunde estas longa". "Ĝi ne nur estas longa, sed longega", respondis ŝi. "Pli bone por vi estas iri kun mi al Ballerup, kaj de tie vi iru vagonare al Skovlunde". Sed la freneza vagonaro ne plu haltas en Skovlunde", diris mi. "Jes", diris ŝi, sed vi devas kontroli, kio estas skribita sur ĝi. Ni nuntempe havas rapidajn kiel ankaŭ ordinarajn vagonarojn, multo ŝanĝiĝis depost kiam vi estis en Danlando".

*Daŭrigota* *BobFelby*





## 3ZZZ



En la elsendo de la 26A de novembro vi povas aŭdi intervjuon de Ran,vizitanto de Nederlando/ Israelo . eble vi poste renkontos lin ĉar li intencas resti en Aŭstralio iom pli longe

La kunvokanto *Franciska Toubale*





**BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO**



kunvenas la trian sabaton ĉiumonate, 13:30h

Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.

Vizitantoj estas bonvenaj

# ALIĜFORMULARO

*registration form*

ankaŭ havebla rete ĉe:
aea.esperanto.org.au/kongreso
*also available online at:*
aea.esperanto.org.au/congress

Antaŭnomo ______________________
*first name*

Familia nomo ______________________
*surname*

Adreso ______________________
*address*

______________________

______________________

Telefono ______________________
*telephone*

Poŝtelefono ______________________
*mobile*

Retadreso ______________________
*email*

Specialaj manĝbezonoj ______________________
*special dietary requirements*

______________________

Mia kontribuo al la programo ______________________
*my contribution to the program*

______________________

______________________

Demandoj aŭ komentoj ______________________
*questions or comments*

______________________

______________________

Bonvolu respondi frue por ke ni povu finaranĝi la loĝadon. Anticipan dankon.
*Please respond promptly so that we can finalise the accommodation. Thanks in advance.*

Se vi deziras ke viaj detaloj ne aperu en la kongreslibro, bonvolu informi nin.

# KONGRESEJO

*congress venue*

Seymour College
546 Portrush Road
Glen Osmond SA 5064

# INSTRUISTOJ

*teachers*


Szabolcs Szilva

*Szabolcs Szilva is a Hungarian living in Warsaw, Poland. He has taught Esperanto in 8 countries. Other levels will be taught by world famous Esperanto author Trevor Steele and experienced teacher Franciska Toubale.*

Szabolcs Szilva estas Hungaro loĝanta en Varsovio, Pollando. Li instruis Esperanton en 8 landoj. Aliajn nivelojn instruos mondfama Esperanto-aŭtoro Trevor Steele kaj sperta instruisto Franciska Toubale.


Trevor Steele


Franciska Toubale

# SPECIALA GASTO

special guest

EKDE TIΛM

Ekde Tiam, nova duopo el Melburno, ludos energian alternativan muzikon tute en Esperanto.

*Ekde Tiam, a new duo from Melbourne, will play energetic alternative music completely in Esperanto.*



# AŬSTRALIA KONGRESO DE ESPERANTO 2019

kongreso de esperanto
kaj somerkursaro

*Esperanto congress and summerschool*

**4-13 Januaro, 2019**

Adelaide, 4-13 January 2019

# ADELAJDO

ESPERANTO
THE INTERNATIONAL LANGUAGE


AŬSTRALIA ESPERANTO-ASOCIO

# PROGRAMO

## por esperantistoj kaj lernantoj

- Klasoj de Esperanto je tri niveloj
- Vespero de teatro kaj muziko
- Ekskursoj
- Babilado, ridado
- Prelegoj pri Esperanto kaj aliaj temoj
- Jarkunveno
- Amikiĝo, planado

La unua ero estos vespera kunmanĝo vendredon 4 Januaro; la lasta ero estos matenmanĝo dimanĉon 13 Januaro.

Bonvolu konsulti aea.esperanto.org.au pri ĝisdatigo de eventoj, kaj kontaktu Heather, se vi volas kontribui al la programo: erikino.48@gmail.com aŭ +61 (0)3 9525 4295

# PROGRAM

## for esperantists and learners

- Esperanto classes in three levels
- Evening of theatre and music
- Excursions
- Lectures about Esperanto and other topics
- Conversation and laughter
- Annual General Meeting
- Making friends, planning

The first event will be an evening dinner on Friday 4 January; the last event will be the breakfast of Sunday 13 January. Please visit aea.esperanto.org.au for updates to events.






## The international language, Esperanto: *the simplest language to learn!*

Esperanto is a constructed language, developed in the late 1800s to be an easy to learn second language for everyone, allowing easy and equitable international communication. It is now spoken in over 100 countries thoughout the world, and attracted 400,000 new speakers in its first year of being available to learn on Duolingo! Use it to travel the world, make friends from diverse cultures, or as a kick-starter for more difficult languages.

The Esperanto congress and summer school is our biggest annual event. It gives you the chance to learn or improve your Esperanto in a classroom setting with an experienced teacher, practise informally with other Esperanto speakers from around the world, learn about other cultures, make new friends, and explore the host city with local guides. For more information visit our website: *aea.esperanto.org.au*

**LERNU:** lernu la internacian lingvon, Esperanto, aŭ plibonigu vian vortprovizon

**ESPLORU:** estu gvidata al la vidindaĵoj de Adelajdo

**AMIKIĜU:** trovu novajn amikojn el la tuta la mondo

**LEARN:** learn the international language, Esperanto, or improve your vocabulary

**EXPLORE:** be guided around the sights of Adelaide

**BEFRIEND:** find new friends from around the world

| | (plenkreskulo/studento) *(adult/student)* |
|---|---|
| Aliĝkotizo *registration fee* | AUD$250/$150 |
| Loĝado & manĝoj[1] (tage) *accommodation & meals[1] (per day)* | AUD$85 |
| Tag-vizitantoj: aliĝkotizo (tage) *day-visitors: registration fee (per day)* | AUD$40/$15 |
| Tag-vizitantoj: manĝoj[2] (tage) *day-visitors: meals[2] (per day)* | AUD$35 |

[1]Inkluzivas ĉambron & tri manĝojn tage *includes room & three meals per day*
[2]Inkluzivas tagmanĝon kaj vespermanĝon *includes lunch and dinner*

Infanoj malpli ol 16-jaraĝaj, akompanate de plenkreskulo, aliĝas senpage
*Children under 16 years of age, accompanied by an adult, participate for free.*

| | $ |
|---|---|
| Loĝkostoj dum ______ noktoj *accommodation for # nights*<br>Datoj: ___/___/___ ĝis ___/___/___ *dates* *until* | |
| Aliĝkotizo *registration fee* | |
| Donaco *donation* | |
| Sume *total* | |

Sendu tiun ĉi formularon kune kun ĉeko al:
*Send this form with cheque made out to:*
"Melburno Esperanto AEA A/C"
Australian Esperanto Assoc.
C/- GPO Box 2122, Melbourne 3001

aŭ ĝiru en la konton de AEA:
*or bank deposit to the AEA account:*
Commonwealth Bank
BSB: 064 433 Account No: 00946975